Leterportisto disportas la leterojn.

Kion mi faris per la skribita letero?

Ĉu vi ŝatas ricevi leterojn de viaj amikoj?

Ĉu vi akurate respondas?

Ĉu vi kolektas poŝtmarkojn?

Ĉu vi estas filatelisto?

## 2-AKTA DRAMO

-kun epilogo -



**1-a akto**

S-ro direktoro sidas sur komforta seĝo antaŭ sia skribotablo. En la ĉambro estas nur unu seĝo, tamen la **ĉarma**, blonda oficistino ankaŭ sidas kaj skribas.

La direktoro estas feliĉa.



**2-a akto**

La edzino de la direktoro eniras. Ŝi estas nek ĉarma nek blonda; ŝi estas furioza.

La fraŭlino ne **plu** sidas.

La direktoro ne **plu** estas feliĉa.

**Epilogo** - **laŭ** via **plaĉo**.

Kio okazos poste, morgaŭ?

Morgaŭ la edzino batos la edzon.

Morgaŭ la direktoro **maldungos** la oficistinon. (Ĉu tio estus **justa**?).

Morgaŭ la sinjoro aĉetos belan juvelon por la edzino.

Kiu fino estas ĝusta, laŭ via opinio?

Ĉu vi havas fantazion?

Ĉu vi plaĉis la vi la dramo?

Kion vi **estus farinta** en simila kazo?

Ĉu vi estus forkurinta?

**Verku** alian epilogon.

## VOCABULARIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| ***ADRESO*** | DIRECCIÓN, DOMICILIO | ***KOLEKTI*** | COLECCIONAR, REUNIR |
| ***AKTO*** | ACTO (TEATRAL) | ***KOVERTO*** | SOBRE |
| ***APOGI*** | APOYAR | ***KUZO*** | PRIMO |
| ***AVO*** | ABUELO | ***LETERKESTO*** | BUZÓN PARA CARTAS |
| ***CIKONIO*** | CIGÜEÑA | ***MALDUNGI*** | DESPEDIR DE UN EMPLEO |
| ***ĈARMA*** | ENCANTADOR | ***NEPO*** | NIETO |
| ***DONACI*** | REGALAR, DONAR | ***NEVO*** | SOBRINO |
| ***DUNGI*** | EMPLEAR | ***ONKLO*** | TÍO |
| ***EDZO*** | ESPOSO | ***ORO*** | ORO |
| ***ELEKTI*** | ELEGIR | ***PASTRO*** | SACERDOTE |
| ***FIANĈO*** | NOVIO | ***POŜTMARKO*** | SELLO POSTAL |
| ***GLACIAĴO*** | HELADO (COSA DE HELADO) | ***POŜTO*** | CORREO |
| ***GLACIO*** | HIELO | ***PREFERI*** | PREFERIR |
| ***GLUO*** | COLA DE PEGAR | ***RECIPROKA*** | RECIPROCO |
| ***INVITI*** | INVITAR | ***RINGO*** | ANILLO |
| ***JUSTA*** | JUSTO | ***SENDI*** | ENVIAR |
| ***JUVELO*** | JOYA | ***SIMILA*** | SIMILAR |
| ***KESTO*** | CAJA, CAJÓN | ***STRANGA*** | EXTRAÑO, NO COMÚN |

## LA INSTRUISTO PAROLAS

**ILI AMAS UNU LA ALIAN = ILI AMAS SIN RECIPROKE.**

Cuando la acción es recíproca o mutua se usan estas formas.

El sentido de "él se hirió" es claro, pero "ellos se hirieron" puede significar que cada uno de ellos se hirió (en un accidente), o que se hirieron entre sí, recíprocamente (en un combate). Para evitar esta ambigüedad es por lo que diremos en Esperanto: *ili sin vundis en akcidento* (= *ĉiu el ili sin vundis* - cada uno de ellos se hirió) y *ili sin vundis reciproke o ili vundis unu la alian* - se hirieron mutuamente.

Sólo como licencia poética podrá encontrarse: *La dentoj mordas la langon, tamen ambaŭ sin amas* - los dientes muerden la lengua, y sin embargo se aman.

**KION VI ESTUS FARINTA?** ¿Qué habría hecho usted?

**GE** - este prefijo tiene la virtud de reunir a los dos sexos: *miaj gepatroj* - mis padres (= mi padre y mi madre*), lernejo por geinfanoj (= geinfanma lernejo)* - escuela mixta (para niños y niñas), *ili geedziĝis* - ellos se casaron (se hicieron esposo y esposa).

**BO** - este prefijo indica el parentesco político, resultante del matrimonio- *Bopatrino* - suegra, *bofilo* - yerno, *bofrato* - cuñado, *boparencoj* - parientes políticos.

-**ID** es sufijo que señala el descendiente, el cachorro, el pichón: *koko* - gallo, *kokido* - pollo, *porkido* - lechón, *Izraelido* - israelita (descendiente de Israel). *Ido* es hijo, descendiente. *Johano loĝas tie kun sia vasta idaro* - Juan vive allí con su vasta prole.

**LAŬ** - según, conforme con: *agu laŭ via plaĉo* - abre según su gusto. *Laŭ mia horloĝo estas la oka* - según mi reloj son las ocho. *Mi marŝis laŭlonge de la fervojo* - yo caminé a lo largo del ferrocarril, *laŭlarĝe* - a lo ancho.

**PLU** - más - con sentido de duración en tiempo o espacio: *mi ne laboras plu* - yo no trabajo más, *kion plu vi scias?* - ¿qué más sabe? *Trinku unu pluan taseton* - beba una tacita más. *Kaj tiel plu* (= *ktp*) - y así más (= etcétera).

**ŜATI - PLAĈI**. Ya conocemos bien el verbo *ŝati.* Es verbo transitivo y señala nuestro gusto personal, subjetivo. *Tiu domo estas plaĉa sed mi ne ŝatas ĝin* - esa casa es agradable (= placentera) pero a mi no me gusta.

**PLAĈI** es verbo intransitivo y significa agradar, ser agradable en su cualidad placentera: *tio plaĉas al mi* - eso me gusta (me agrada). *Plaĉa muziko* - música placentera. *Kiel plaĉas al vi la ĝardeno?* - ¿Cómo encuentra el jardín?

**VERKI** es componer o escribir obras literarias, musicales, etc.: *verki libron* - escribir (componer) un libro, *verkisto* - un escritor, *teatra verko* - obra teatral. *Leteron mi skribas sed rakonton mi verkas.*

**ZORGI** es cuidar de algo, preocuparse por algo*: ne zorgu pri mi!* - ¡no se preocupe por mi! *Pli zorgas unu patrino pri dek infanoj ol dek infanoj pri unu patrino* - cuida más una madre de diez hijos (niños) que diez hijos de una madre. *Zorge farita* - cuidadosamente hecho. *Senzorga* - descuidado, despreocupado.

**AGI** es obrar, actuar: *agi juste* - obrar justamente (con justicia), *justa ago* - acción justa. *Zorgu pri viaj agoj!* - ¡Cuidado con lo que hace!

**ORACIÓN PASIVA**. Podemos usar también nuestro conocimiento de los participios para verificar si un verbo debe o no ser seguido por el acusativo.

Sea la oración:

*Petro manĝas panon* - Pedro come pan.

Si la oración puede ser vuelta por pasivo, será transitiva: irá seguida de -**n**.

*La pano estas manĝata de Petro.* El pan es comido de Pedro.

Probemos con: *Petro kuŝas sur la lito* - Pedro yace sobre la cama.

Vemos que si tratamos de ponerla en forma pasiva, la oración pierde su sentido. Se trata, pues, de una oración intransitiva.

*La pano estas manĝata de Petro.* Vemos que después de la forma pasiva usamos *de* para designar al agente, al que hace: *Esperanto estas lingvo kreita de Zamenhof* (*kreita* porque está ya creada, terminada de crear).

**ROZCOLORA** es color de rosa. Y del mismo modo se forma *violkolora* - color violeta, *oranĝkolora* - color anaranjado, *citronflava* - amarillo limón.

# 18-a LECIONO




Vojaĝante (= dum oni vojaĝas) oni lernas. Tio estas vera, ĉar vojaĝinte en Bolivio mi multon lernis.

Dum mia restado en tiu lando pluvis kaj pluvadis dum du semajnoj, kaj dum la tuta tempo mi legadis en la ĉambro. Ho, mi multon lernis!

Nur ĝenis min la daŭra **martelado** de iu **forĝisto**, loĝanta apude. Sed ne nur mi legis en tiu hotelo, mi ankaŭ **amuziĝis**, ĉar tie estis sufiĉe da musoj.

Kiam mia kuzino ekvidas (= subite vidas) muson ŝi ektimas (= subite timas), eksaltas kaj ekploras - Kaj mi ekridas.

Ĉu vi parolas dormante?

Ĉu vi ŝatas longajn paroladojn?

Kion vi faras dum longa pluvado?

Ĉu vi facile ekridas aŭ ekploras?

**BIFSTEKO KUN FUNGOJ**

S-ro Smith estas anglo. Ĉu vi scias kio estas anglo?

– Jes, mi scias; anglo estas sinjoro kiu **fumas pipon**, legas la Biblion, kaj ne ŝatas lerni fremdajn lingvojn.

S-ro Smith ja estis vojaĝema. Tial ke (= ĉar) en Londono la vetero estas malagrabla dum la vintro, nia amiko per aeropalano veturis suden, al la sunplena Valencio, en **Hispanujo**. Li gaje promenadis tra la urbo, admirante la oranĝarbojn, kaj la belajn brunulinojn, sed ekvidinte restoracion li eksentis apetiton.

"Por festi tiun ĉi belan tagon mi mendos mian preferatan manĝon: Bifstekon kun **fungoj**", diris S-ro Smith. Li eniris la restoracion, sidis ĉe tablo kaj **vokis** la kelneron. S-ro Smith tuj mendis - Anglalingve - (= en la angla lingvo), kompreneble - bifstekon kun fungoj. La kelnero ridetis, se ne komprenis. Tiam S-ro Smith ekhavis brilan ideon. Li prenis paperon kaj krajonon kaj **desegnis** sian mendon tiel:



La kelnero prenis la papereton kaj foriris. Farinte sian mendon S-ro Smith observis la manĝejon. Blanka tablotuko kovris la tablon. Sur ĝi estis **telero**, **forko**, kulero, tranĉilo, buŝtuko, **glaso**, vinbotelo, **kruĉo** kun akvo kaj **pankorbo**. La tuta manĝilaro estis pura.

Ĉe la apuda tablo sidis tri manĝantoj. Unu manĝis **viandrostaĵon** kun **terpomoj** kaj **legomoj**, la dua manĝis **bakitan kokidon** kun salato, la tria jam estis manĝanta la **deserton**: kukojn kaj fruktojn. Laŭ la aspekto ili **ŝajnis fremduloj**.

Sed nia anglo jam estis perdanta sian **paciencon** (= li jam senpacienciĝis), tiam, post 20 minutoj, fine revenis la kelnero. Ĉu li alportis la deziratan manĝaĵon? - Tute ne! **Anstataŭ** tio, en unu mano li portis **pluvombrelon** kaj en la alia enirbileton por la **taŭrobatalo**!

S-ro Smith ne lasis **trinkmonon** por la kelnero...

Kie loĝis S-ro Smith? Kien li veturis?

Kial li forveturis? Ĉu li veturis bicikle?

Kion li admiris? Kion li tre ŝatis?

Ĉu vi fumas pipon?

Ĉu S-ro Smith parolis hispane? Kion li faris?

Ĉu la desegno estis komprenebla?

Kio estis sur la manĝotablo?

Ĉu la kelnero tuj revenis?

Kion li alportis **anstataŭ** la menditan manĝaĵon?

Ĉu S-ro Smith estis feliĉa?

Kion vi estus farinta en tiu okazo?

La filo de Petro ankaŭ nomiĝas (= estas nomita) Petro, sed la gepatroj nomas lin **Peĉjo**. La nomo de la filino estas Sofia, sed la gepatroj nomas ŝin **Sonja**. Kaj Peĉjo kaj Sonja nomas sian patron **paĉjo**, kaj sian patrinon **panjo**.

Ĉu ankaŭ oni nomas vin per karesa nomo - "Pepe", "Paco", “Maruja"?

La patro de Maria estas la avo de la eta Petro, sed la avo de Maria, kio estas?

Li estas la **praavo** (= patro de la avo) de eta Petro (= Peĉjo) kaj Peĉjo estas lia **pranepo**.

La unuaj homoj sur al tero estis niaj prapatroj aŭ prauloj. Ili vivis en la pratempo.

En Ameriko estas ankaŭ grandaj ne bone konataj praarbaroj.

Ĉu vi havas vivantan praavon?

Ĉu niaj prapatroj estis pli feliĉaj ol ni?

Ĉu niaj pranepoj estos pli **saĝaj** (= prudentaj, inteligentaj), ol ni?

Karlo invitis min ĉeesti festeton ĉe li. Mi demandis lin:

– Je kioma horo mi devas esti ĉe vi, kaj kiel mi devas vesti min?

Li respondis:

– Ĉe mi vi povas fari ion ajn, babili kun iu ajn. Kiam ajn vi venos mi vin akceptos.

Vivu la libero!

Ĉu vi aŭskultas ian ajn programon en la radio?

Ĉu vi parolas kun iu ajn sur la strato?

## LA KORVO KAJ LA VULPO



Jen la fama **fablo** de fama verkisto. Ni rerakontas ĝin ne **versoforme**, sed en simpla **prozo**.

S-ro Korvo sidis sur **branĉo** tenante en sia **beko** bonodoran **fromaĝon**.

S-ro Vulpo tre malsata **vagadis** tra la arbaro kaj ekflaris la odoron de la fromaĝo. Ekvidinte la korvon kun la fromaĝo, la vulpo volis ĝin manĝi, sed ĝi estis tro alta. Sed S-ro Vulpo estas **ruza** kaj li **flate** ekparolis al la korvo: "Sinjoro Korvo, kiel bela vi estas! Kiel brila estas via plumaro! Se via voĉo estus tiel bela kiel via plumaro vi estus la reĝo de l´ arbaro! Kantu, sinjoro korvo, kantu por ke mi aŭdu vian belan voĉon!"

Aŭdinte tion, la korvo, kiu estis kredema kaj **vantema**, malfermis sian bekon por kanti kaj la bongusta fromaĝo falis en la buŝegon de sinjoro Vulpo.

"Dankon, diris S-ro Vulpo, kaj estonte ne fidu la flatantojn. Ĉi tiu leciono tamen, valoras fromaĝon"

"Ju pli oni vivas, des pli oni lernas" - **grumblis** la korvo.

Kie vagadis la korvo? Ĉu la korvo bele kantas? Kia estas la vulpo?

Kial la korvo malfermis al bekon? Ĉu la korvo agis saĝe?

# VOCABULARIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| ***AMUZI*** | DIVERTIR | ***KRII*** | GRITAR, CHILLAR |
| ***ANGLO*** | ORIGEN INGLÉS | ***KRUĈO*** | JARRA |
| ***BAKI*** | HORNEAR | ***MALSAĜA*** | INSENSATO, LOCO |
| ***BEKO*** | PICO DE AVE | ***MARTELO*** | MARTILLO |
| ***BILETO*** | BILLETE, PASE | ***PACIENCO*** | PACIENCIA |
| ***BRANĈO*** | RAMA | ***PIPO*** | PIPA DE FUMAR |
| ***BUŜTUKO*** | SERVILLETA | ***PLUVOMBRELO*** | PARAGUAS |
| ***DAŬRI*** | DURAR | ***REĜO*** | REY |
| ***DESEGNI*** | DIBUJAR | ***RUZA*** | ASTUTO |
| ***DESERTO*** | POSTRE | ***SAĜA*** | SENSATO, SABIO |
| ***FAMA*** | FAMOSO | ***SAĜECO*** | SABIDURÍA, BUEN SENTIDO |
| ***FESTI*** | FESTEJAR, CELEBRAR | ***SAĜULO*** | HOMBRE SABIO, SENSATO |
| ***FLATI*** | ADULAR | ***SALATO*** | ENSALADA |
| ***FORĜI*** | FORJAR | ***SALTI*** | SALTAR |
| ***FORKO*** | TENEDOR | ***SUNOMBRELO*** | SOMBRILLA |
| ***FREMDA*** | EXTRANJERO, EXTRAÑO | ***ŜAJNI*** | PARECER |
| ***FREMDULO*** | FORASTERO | ***TAŬROBATALO*** | CORRIDA DE TOROS |
| ***FROMAĜO*** | QUESO | ***TELERO*** | PLATO |
| ***FUMO*** | HUMO | ***TERPOMO*** | PAPA, PATATA |

| | | | |
|---|---|---|---|
| ***FUNGO*** | HONGO | ***TIMI*** | TEMER |
| ***GRUMBLI*** | GRUÑIR | ***TRINKMONO*** | PROPINA |
| ***ĜENI*** | MOLESTAR | ***VAGI*** | VAGAR |
| ***JA*** | SÍ QUE | ***VANTA*** | VANIDOSO |
| ***KARESI*** | ACARICIAR | ***VERKISTO*** | AUTOR |
| ***KONATA*** | NOTORIO, SABIDO | ***VIANDROSTAĴO*** | CARNE ASADA |
| ***KORBO*** | CESTA | ***VOĈO*** | VOZ |
| ***KORVO*** | CUERVO | ***VOKI*** | LLAMAR |
| ***KOVRI*** | CUBRIR, TAPAR | ***VULPO*** | ZORRO |

## LA INSTRUISTO PAROLAS

**-ANTE, -INTE, -ONTE**. Los participios adverbios corresponden al gerundio en castellano, que termina en -ando, -endo o -iendo.

El participio adverbio no se usa en los tiempos compuestos.

*Manĝonte mi eniris la restoracion* - habiendo de comer entré en el restaurante, *manĝante mi legis la ĵurnalon* - comiendo leí el diario, *manĝinte mi pagis kaj foriris* - habiendo (ya) comido, pagué y me marché.

La forma pasiva (-ate, -ite, -ote) es de uso poco frecuente. *Li vizitis min neatendite* - él me visitó inesperadamente. *Estis skribite* - estaba escrito.

**KIEL AJN**. *Ajn* es una partícula adverbial que indica generalización de la indeterminación. *Kiel ajn* es de cualquier modo, *kiu ajn* - cualquiera, *kiam ajn* - en cualquier momento, *io ajn* - cualquier cosa, *kie ajn* - en cualquier parte, *ktp.*

**AD** expresa la acción: *krono* - corona, *kronado* - coronación; acción continuada: *pafo* - tiro, *pafado* - tiroteo; nombre de acción: *uzi* - usar, *uzado* - el uso, *naĝado* - natación, *kantado* - el canto.

**EK** - señala comienzo de acción o acción breve: *vidi* - ver, *ekvidi* - percibir, *ekmarŝi* - echar a andar.

**PRA** - es prefijo que señala lo primitivo, el parentesco distante en el tiempo: *pratempo* - tiempos primitivos, *praulo, prapatro* - antepasado, *praavo* - bisabuelo, *pranepo* - bisnieto. *Praa* - primitivo.

**-ĈJ, -NJ** son sufijos con los que se forman los diminutivos cariñosos, masculinos y femeninos, respectivamente y se colocan detrás de las primeras letras del nombre, abreviándolo: *patro* - padre, *paĉjo* - papá, *panjo* - mamá, mamita, *Jozefo* - José, *Joĉjo* - Pepe.

Este es el único caso en que se altera una raíz en Esperanto (*panjo*). Porque el uso de nombres íntimos y cariñosos es voluntario y escapa a toda regla.

En la literatura de Esperanto se encontrarán los mismos nombres femeninos con terminación "a" u "o": *Sofia* = *Sofio*, *Sonja* = *Sonjo.*

**JU PLI, DES PLI** es cuanto más, tanto más: *ju pli da suno, des pli da sano* - cuanto más sol, más salud, *ju pli oni vivas, des pli oni lernas* - cuanto más se vive, más se aprende.

# 19-a LECIONO

### NI VETURAS AL ESPERANTO-KONGRESO

Veturonte al Kongreso, Petro kaj Maria **renkontas** Karlon antaŭ la fervoja stacidomo.

Petro - Rapidu, samideano, vi marŝas **kvazaŭ** vi havus multe da tempo!

Karlo - Pardonu, sed mi ne kulpas. **Kvankam** mi dormis nur du horojn mi frue leviĝis kaj devis **adiaŭi** (= diri adiaŭ) miajn parencojn.

P. - Ĉu vi estas sola? **Krom** vi, ĉu neniu alia samideano venas?

K. - Krom mi ankaŭ venis Antono kaj Rodolfo. Ĵus ili iris al la **informejo**. Jam ili parolas kun la staciestro. Krome, Julio diris al mi hieraŭ, ke **bedaŭrinde** li ne venos, ĉar li estas malsana. La **plimulto** veturas per aŭtobusoj.

P. - Venu, Maria, jen nia **vagono**. Ni envagoniĝu. Per nia bileto ni **rajtas** kunporti nur negrandan **valizon** kaj **pakaĵon**.

M. - **Ĝustatempe** (= en la ĝusta tempo) ni alvenis. La **lokomotivo fajfas** kaj la trajno (= vagonaro) ekmoviĝas.

K. - Ĉu vi scias, ke la lokomotivo estas tre demandema?

P. - Ĉu...?

K. - Jes, ĝi ĉiam diras "ĉu, ĉu, ĉu..."

P. - Hm... tre **sprita** vi estas hodiaŭ. Sed ĝi povas esti ankaŭ dubema.

K. - Tion mi ne bone komprenas.

P. - Krom montri demandon, la vorteto ĉu ankaŭ montras dubon: "Mi dubas ĉu li venos", "mi ne scias ĉu vi komprenas".

K. - Dankon pro la informo, sed rigardu! Ni jam veturas **ekster** la **ĉefurbo**. Vidu nun tiun "popolon" kun blankaj dometoj...

P. - Ne diru "hispanaĵojn"; tio estas vilaĝo; la popolo estas la loĝantaro. La esperanta popolo loĝas dise tra la vasta mondo. Mi vidas, ke ankaŭ vi faras erarojn, Karlo. Dum la veturo ni povas iom **praktiki** la lingvon.

M. - Vi **pravas**, ni praktiku! Ni **nepre** devas paroli en flua kaj korekta Esperanto. Anstataŭ babili ni lernu. En mia **notlibro** estas kelkaj notoj kaj gramatikaĵoj, kiujn mi ne tute bone komprenas, **malgraŭ** tio, ke mi lernis ilin.

P. - Ni vidu viajn notojn. Kompreneble, vi lernis la lingvon, sed ne **ellernis** (= finlernis) ĝin.

K. - Do, bonvolu klarigi al mi la signifon de la sufikso **op**.

P. - Mi klarigos per **ekzemploj**: "Sur la mallarĝa vojeto ni devis marŝi **unuope**" (= unu post unu). Kiam ni venis al la lago la **moskitoj** milope sin **ĵetis** sur nin". Vidu tie, super la kamparo, la aeroplanoj flugas triope.

M. - Klarigu, mi petas, la prepozicion **po**.

P. - "Tiu ĉi libro konsistas el dudek lecionoj; se vi lernus **po** unu leciono ĉiutage, post dudek tagoj vi estus **tralerninta** la tutan kurson". "Mi aĉetis dekduon da oranĝoj, kaj al ĉiu el la ses infanoj mi donis **po** du oranĝoj".

K. - Dankon, Petro, mi bone **profitas** la vojaĝon. Sed ni devas ankaŭ **ĝui** la rapide **preterpasantan** pejzaĝon. La suna **moŝto** jam alte brilas **super** la kamparo.

M. - Rigardu tiun viron sidanta **kontraŭ** ni. Li trinkas ion el botelo.

P. - Li ne trinkas, sed drinkas: rigardu nur lian **nazaĉon**! Fi! Kia homo!, mi ne drinkas: mi estas kontraŭalkoholisto.

K. - Se vi jam uzis la sufikson -**aĉ** kaj la prefikson **fi**-, bonvulu klarigi la **diferencon** inter ambaŭ.

P. - Ĉu vi komprenas la vortojn **libraĉo**, **popolaĉo**? Rigardu tra la fenestro tiun malbelan, malpuran domon; ĝi estas domaĉo. Ĝi estas fizike malbona. Alia domo estas tre bonaspekta, sed la **moralo** de ĝia loĝantoj ne estas tre pura; vere ĝi estas **fidomo**. **Fiulo** estas senmorala persono, morale malbona (= **fripono**).

K. - Nun mi komprenas. Sed kie estas Antono kaj Rodolfo? Mi iros **serĉi** ilin.

**Demandoj**

Kial la samideanoj veturas?

Kial Karlo malfruiĝis?

Kiuj venis krom Petro kaj Karlo?

Per kio ili veturas?

Kien ili iras?

Ĉu vi ofte veturas per trajno?

Ĉu vi ŝatas veturi sen bileto?

Kion diras Antono?

Kion li farus anstataŭ babili?

Ĉu Karlo estas perfekta esperantisto?

Se vi estus lerninta Esperanton antaŭ dek jaroj, kia esperantisto vi estus nun?

Ĉu vi vizitos Kongreson de Esperanto?

Ĉu vi legas esperantan literaturon?

Ĉu vi trinkas ian ajn vinaĉon?

Ĉu vi, fraŭlino, vizitas drinkejon?

Ĉu vi ankaŭ praktikadas Esperanton kun viaj amikoj?

Ĉu vi loĝas en la ĉefurbo?

Ĉu vi ŝatus flue paroli en Esperanto?

Kio fluas sub la ponto?

Kiujn volas serĉi Karlo?

## VOCABULARIO

| | |
|---|---|
| ***ADIAŬ*** | ADIOS |
| ***ADIAŬI*** | DECIR ADIOS, DESPEDIRSE |
| ***AMBAŬ*** | AMBOS |
| ***ANSTATAŬ*** | EN LUGAR DE |
| ***ANSTATAŬI*** | REEEMPLAZAR |
| ***BEDAŬRINDE*** | LAMENTABLEMENTE |
| ***ĈEFO*** | JEFE |
| ***ĈEFURBO*** | CIUDAD CAPITAL |
| ***ĈU MI RAJTAS?*** | ¿PUEDO? ¿TENGO DERECHO? |
| ***DIFERENCI*** | DIFERENCIAR |
| ***DUBI*** | DUDAR |
| ***EKZEMPLO*** | EJEMPLO |
| ***FAJFI*** | SILBAR |
| ***FERVOJA*** | FERROVIARIO |
| ***FIZIKE*** | FÍSICAMENTE |
| ***FLUI*** | FLUIR |
| ***FRIPONO*** | GAMBERRO, SINVERGÜENZA |
| ***FRUIĜI*** | ADELANTARSE |
| ***INFORMI*** | INFORMAR |
| ***ĴUS*** | AHORA MISMO, ACABA DE |
| ***KOREKTA*** | CORRECTO |
| ***KVANKAM*** | AUNQUE |
| ***LOKOMOTIVO*** | LOCOMOTORA |
| ***MALGRAŬ*** | A PESAR DE |
| ***NEPRA*** | INDISPENSABLE, INELUDIBLE |
| ***NEPRA DEVO*** | DEBER INELUDIBLE |
| ***NEPRE IRU*** | VAYA SIN FALTA |
| ***NOTO*** | NOTA |
| ***PAKAĴO*** | PAQUETE |
| ***PARENCO*** | PARIENTE |
| ***PASANTA*** | PASANTE, QUE PASA |
| ***PEJZAĜO*** | PAISAJE |
| ***PLENUMI*** | CUMPLIR |
| ***PLIMULTO*** | MAYORÍA |
| ***PONTO*** | PUENTE |
| ***PRAKTIKO*** | PRÁCTICA |
| ***PRAVA*** | QUE TIENE RAZÓN |
| ***PROFITI*** | APROVECHAR |
| ***RAJTI*** | TENER DERECHO A |
| ***RENKONTI*** | ENCONTRAR (A ALGUIEN) |
| ***SERĈI*** | BUSCAR |
| ***SPRITA*** | INGENIOSO, CHISTOSO |
| ***STACIDOMO*** | OFICINA DE LA ESTACIÓN |
| ***STACIO*** | ESTACIÓN |
| ***TASKO*** | TAREA |
| ***VAGONO*** | VAGÓN |
| ***VALIZO*** | VALIJA, MALETA |
| ***VI PRAVAS*** | TIENE USTED RAZÓN |

## LA INSTRUISTO PAROLAS

**-OP** forma los numerales colectivos: *la aviadiloj flugis triope* - los aviones volaban en grupos de tres.

**PO** es una preposición que indica a razón de, a tanto por: *mi marŝas po ses kilometroj hore* - yo camino a razón de seis kilómetros por hora.

Se usa también como prefijo: *vendi pogrande* - vender al por mayor, *podetale* - al detalle, *pogute* - a gotas, por gotas.

**-AĈ** es sufijo con significado despectivo: *libraĉo* - libraco, *popolaĉo* - populacho. *La ebriulo aĉe insultis lin* - el ebrio lo insultó soezmente. *Aĉa vorto* - palabra grosera, soez.

**KROM** - aparte de: *krom tio* - aparte de eso, *krom Pedro (ankaŭ) venis Karlo* - además de Pedro (también) vino Carlos, *krom Petro neniu venis* - a excepción de Pedro no vino nadie. *Krome (= plie)* - además. *Krompago* - pago extra.

**KVAZAŬ** como si, a guisa de: *li min rigardis kvazaŭ li ne konus min* - él me miró como si no me conociese. *Li demandis kvazaŭ li estus fremdulo* - él preguntó como si fuese un extraño. *Li uzis ŝtonojn kvazaŭ martelon* - él usó una piedra a guisa de martillo.

-**ESTR** denota autoridad: *staciestro* - jefe de estación, *urbestro* - intendente, alcalde, *laborestro* - capataz- *Estro* (= *ĉefo*) - jefe. *La estraro de la Kongreso* - las autoridades del Congreso.

**DU HOROJN**. Para señalas complementos circunstanciales -especialmente los que expresan medida (tiempo, peso, precio, dirección) se puede - siempre que la claridad no se vea afectada - reemplazar la preposición respectiva con la terminación "**n**":

Mi dormis dum du horoj. - Mi dormis du horojn.

La monto estas alta je 1000 metroj. - La monto estas 1000 metrojn alta.

La fecha podrá escribirse: *en la 16-a de Septembro*, *je la 16-a de Septembro* o *la 16-an de Septembro*. Las tres formas son correctas, pero la última es la más empleada.

**MOŜTO** es título de cortesía en general: *reĝa moŝto* - majestad real, *moŝta suno* - su alteza, su majestad el sol, *la prezidanta moŝto* - su excelencia el presidente. *Moŝtulo* - un personajón.

**ELLERNI (= FINLERNI)** es aprender a fondo, terminar de aprender. El, usado como prefijo, significa además de la idea de salida (*eliri*), la acción terminada (como si la cosa terminada se saliera del material). *Ellabori* - elaborar, *eluzi* - usar hasta el fin, *eluzita pantalono* - pantalón totalmente gastado.

# 20-a LECIONO

(**Daŭrigo** de la 19-a)

Revenas Karlo, akompanata de Antono kaj Rodolfo.

A. - Bonan tagon kamaradoj. Pardonu, ke ni ne tuj venis al vi, sed okazis ke ni iris en la manĝovagonon por matenmanĝi kaj tie ni trovis **eksprofesoron** nian. Li invitis nin sidi ĉe lia tablo. Ni mendis kafon, sed la kelnero **miskomprenis** nin kaj portis al ni teon. Kion fari en tia kazo? Ĉu protesti, ĉu trinki la teon? Ni trinkis la teon.

Vidiante nian stelon, la profesoro demandis kion ĝi signifas. Mi klarigis al li la signifon de nia **insigno** kaj donis al li informilon pri Esperanto, kiun mi ĉiam kunportas en mia poŝo. Traleginte ĝin li diris: "Jen interesa afero kaj **lernenda** lingvo. Mi certe ĉeestos kurson kaj eble mi iros kun kelkaj **kolegoj**.

M. - Post tia klarigo vi estas pardonita. Sed rigardu tiujn du sinjorInojn, tie, dekstre, kiel multajn gestojn ili faras dum ili parolas...

P. - Ili estas **surdmutuloj**, tial ili multe gestas parolante.

M. - Ĉu tio estas ia religio?

P. - Ne, Maria, ne; surdmutulo estas homo surda kaj muta. Surda estas persono kiu ne povas aŭdi kaj persono kiu ne povas paroli estas muta. Al tiuj homoj **mankas sentumo**. Ankaŭ al **blindulo** mankas sentumo, mankas al li vidkapablo.

R. - Rigardu, rigardu! Mi trovis poŝtranĉilon apud la benko. **KIES** ĝi estas? (= al kiu ĝi apartenas?) Ĉu al neniu? Do la persono, kies poŝtanĉilon mi trovis, ne troviĝas ĉi tie.

Mi pensas ke per tiu ĉi poŝtrantrilo oni povas bone klarigi la uzadon de al sufikso **um**.

K. - Ĉu jes...?



R. - Vidu tiun ĉi poŝtranĉilon.

Ĝi havas diversajn ilojn; segilon, borilon, **korktirilon**, **fajlilon**, tondilon. Ĝi **taŭgas** por diversaj laboretoj, sed vere ĝi estas nek tondilo, nek segilo, nek fajlilo, nek borilo.

La sufikso -**um** iel similas tiajn multuzajn ilojn. Oni uzas ĝin kiam oni ne trovas la ĝustan afikson.

P. - Oni povas diri ankaŭ, ke la sufikso -**um** similas tiujn ĉionfarantajn laboristojn, kiu faras kiajn ajn laborojn, sed ne havas difinitan **metion**. Per la sufikso -**um** oni **amindumas**, **aerumas**, **gustumas**...

A. - Per similaj vortoj oni povus ankaŭ klarigi la uzon de la prepozicio je, kiu ne havas difinitan **sencon**. Ĝi montras ĉefe mezuron: "je la tria", "je kelke da paŝoj"...

K. - Ne plu "gramatikumu", mi petas. Ni rigardu la pejzaĝon. Vidu la riĉan kamparon. Antaŭ unu **jarcento** nur maloftaj **gaŭĉoj** rajdis tra tiuj verdaj **dezertoj**. Nun ĉie **kreskas greno**, kaj **plimultiĝas brutaro** (bovoj, ŝafoj, ĉevaloj, k. s.).

M. - Rigardu tien, jen **ĵusnaskita** bovido (bovino ĵus naskis ĝin) apud sia patrino. Tie aro da **ŝafoj blekas** ĉirkaŭ akvujo. Ili estas **soifaj**. Ili volas trinki.

P. - La ŝafoj estas **stultaj** kaj malbonodoras... prefere ni aŭskultu anekdoton. Antono, ĉu vi vere ne havas ion novan por rakonti?

A. - Kial ne? Aŭskultu tiun ĉi:

### SENMON KAJ BONHAV

Sinjoro Senmon renkontas la dikan sinjoron Bonhav sur la strato, kaj sinjoro Senmon demandas tre ĝentile: "Ĉu vi povas diri al mi kioma horo estas?" Sinjoro Bonhav **suspekteme** rigardas la demandinton kaj respondas:

"Vi vere ne deziras scii pri la horo; tio estas nur preteksto por ekparoli kun mi; kaj se ni interparolas ni fariĝos amikoj, kaj se ni fariĝos amikoj (= ni amikiĝos) vi vizitos mian hejmon, kaj se vi vizitos mian hejmon tie vi trovos mian filinon Leonora kaj se vi vidos mian filinon vi enamiĝos je ŝi, kaj se vi enamiĝos je ŝi vi petos ŝian manon kaj... Ĉu vi opinias ke mi donos la manon de mia filino al iu sentaŭgulo, kiu **eĉ** horloĝon ne havas!"

P. - Bona anekdoto, Antono, kaj tre **lerte** vi ĝin rakontis. Nun estas via vico, Karlo.

K. - Mi ankoraŭ ne tre flue parolas...

R. - Mia avo diradis: "Nur forĝante oni fariĝas forĝisto". Do, nur parolante oni lernas paroli...

K. - Mi **provos**.

### LA FREMDULO KAJ LA VILAĜA BUBO

Fremdulo piedirante en la urbo renkontas **bubon** sur la vojo kaj demandas lin. "Aŭdu, knabo, kien iras tiu ĉi vojo?"

B. - Ĝi iras nenien.

F. - Sed en la vilaĝo oni diris al mi, ke mi **sekvu** ĝin por **atingi** la urbon.

B. - Ho jes, ili pravis.

F. - Do kial vi diras ke ĝi iras nenien?

B. - Jes sinjoro, ĝi iras nenien; ĝi kuŝas tie senmove.

F. - Bone, bone; mi vidas, ke vi estas **lerta**. Kiel vi nomas vin?

B. - Neniel.

F. - Ĉu vi ne havas nomon?

B. - Jes, sinjoro, sed mi ne nomas min; aliaj personoj nomas min.

F. - Bone, kiel via patrino noman vin?

B. - Nu, tio **dependas**. Kelkfoje ŝi diras al mi "mia kara anĝelo", **alifoje** ŝi nomas min "malpura porko"... Nu laŭ la vetero...

F. - (**Fulmotondro!** Estas neeble scii ion pri tiu ĉi bubaĉo!) Diru al mi, knabo, ĉu via familio estas granda?

B. - Vidu, **proksimume** tiel granda kiel tiu de la onklo Peĉjo.

F. - (Ruza diableto) Kiom da personoj estas en via familio?

B. - Ho jes, tiu demando estas pli klara. Ni estas tiom da personoj kiom da teleroj Panjo metas sur la manĝotablon.

F. - Kaj kiom da teleroj Panjo metas sur al tablon?

B. - Unu por ĉiu persono...

F. - !!!!!...

B. - Ĉu vi deziras scii ion pli?"

R. - Sed tio estas tre malnova popolrakonto, Karlo...

Mi rakontos al vi ion tute novan. Mi rakontos sonĝon, kiun mi sonĝis nur hieraŭ:

"Mi troviĝis en stelforma dounluma ĉambrego. Viro aperis kaj diris: "Montru vian **invitilon**!" "Mi ne ricevis", mi respondis. "Do, venu antaŭ la juĝisto", rediris la viro, kaj kondukis min en angulon de la ĉambro, kie sidis kelkaj longbarbaj sinjoroj.

Iu el ili, kiu tre similis al esperanta instruisto, kiu ekzamenis min, demandis per timiga voĉo:

- Kiu estas vi?
- Mi estas Rodolfo.
- Kio estas vi?
- Mi estas studento.
- Kia estas vi?
- Mi estas juna kaj sana.
- Kie vi loĝas?
- En Bonaero.
- Kien vi iras?
- Al Esperanto-Kongreso.
- Kiam ĝi okazos?
- La venontan semajnon.
- Kiom da homoj iros?
- Ĉirkaŭ 500.
- Kiel vi iros?
- Per trajno.
- Kial vi ne iras piede?
- Ĉar miaj piedoj protestos.
- Kies poŝtranĉilon vi trovis?
- Ne... nenies.
- Vi mensogas, la poŝtranĉilo ies devas esti - ekkriis la juĝisto. Gardisto, faru truon en lian kapon kaj enmetu en ĝin ĉiujn ies-vortojn. La gardisto elpoŝigis grandan borilon (mi volis forkuri, sed ne povis) kaj ekpikis mian kapon.

Forta **frapo** sur mian kapon vekis min, kaj mi aŭdis la voĉon de mia patrino, kiu diris: "Leviĝu Rodolĉjo, aŭ vi malfruiĝos. Rigardu kian moskiton mi mortigis sur via kapo".

M. - Sed Rodolfo, ĉu vi ne diris ke vi ĵus trovis la poŝtranĉilon?

R. - Jes, sed vi scias ke ofte dum sonĝoj ni antaŭvidas la okazontaĵojn.

A. - Mi volus "antaŭvidi" programon de la Kongreso.

P. - Jen mia:




K. - Bona programo, estas serioza laboro kaj **amuzo**.

P. - Samideanoj, ni baldaŭ atingos la celon. **Verŝajne** kelkaj samideanoj estas jam en la stacidomo por akcepti nin. Ni pretigu niajn valizojn. Karlo, malfermu la fenestron por montri nian verdan **flageton**.

M. - Jam ni envenas la stacidomon. Jen ili estas, niaj karaj samideanoj.

Saluton!

La atendantaj samideanoj kun ĝoja vizaĝo ekkrias:

**BONVENON, AMIKOJ!**

# VOCABULARIO

| | |
|---|---|
| ***AERUMI*** | AIREAR, VENTILAR |
| ***AKCEPTI*** | ACEPTAR, RECIBIR |
| ***ALIFOJE*** | OTRA VEZ |
| ***AMIZI*** | DIVERTIRSE |
| ***AMUZO*** | DIVERTIDO |
| ***APARTENI*** | PERTENECER |
| ***ARO*** | GRUPO |
| ***ATINGI*** | ALCANZAR |
| ***BALO*** | BAILE |
| ***BANKEDO*** | BANQUETE |
| ***BLEKI*** | MUGIR |
| ***BLINDA*** | CIEGO |
| ***BLINDA*** | PERFORAR |
| ***BRUTO*** | BRUTO, GANADO |
| ***BUBO*** | PILLETE |
| ***CERTA*** | CIERTO, SEGURO |
| ***DAŬRIGI*** | HACER DURAR |
| ***DEKSTRE*** | A LA DERECHA |
| ***EKSKURSO*** | EXCURSIÓN |
| ***EKZAMENO*** | EXAMEN |
| ***ELPOŜIGI*** | SACAR DEL BOLSILLO |
| ***ENAMIĜI*** | ENAMORARSE |
| ***ESTAS VIA VICO*** | ES TU TURNO |
| ***FAJLI*** | LIMAR |
| ***FLAGO*** | BANDERA |
| ***FRAPO*** | GOLPE |
| ***FULMO*** | RAYO |
| ***FULMOTONDRO*** | TORMENTA, ¡RAYOS! |
| ***FUNKCII*** | FUNCIONAR |
| ***GARDISTO*** | GUARDIA |
| ***GAŬĈO*** | GAUCHO |
| ***GRENO*** | GRANO, CEREAL |
| ***HAŬTO*** | PIEL |
| ***IES*** | DE ALGUIEN |
| ***INVITILO*** | UNA INVITACIÓN |
| ***JARCENTO*** | SIGLO |
| ***JUĜISTO*** | JUEZ |
| ***ĴUSNASKITA*** | RECIÉN NACIDO |
| ***KAZO*** | CASO |
| ***KIES*** | CUYO, DE QUIEN |
| ***KORKO*** | CORCHO |
| ***KRESKI*** | CRECER |
| ***KUNSIDO*** | SESIÓN |
| ***LERTA*** | HÁBIL |
| ***MALFRUIĜI*** | RETRASARSE |
| ***MANKI*** | FALTAR |
| ***MENSOGI*** | MENTIR |
| ***METIO*** | OFICIO |
| ***MORTIGI*** | MATAR |
| ***MUTA*** | MUDO |
| ***NEEBLE*** | IMPOSIBLE |
| ***NEGRO*** | (UN) NEGRO |
| ***NENIES*** | DE NADIE |
| ***NU*** | PUES BIEN |
| ***PAŜO*** | PASO QUE DA EL PIE |
| ***PIKI*** | AGUIJONEAR |
| ***PLIMULTIĜI*** | AUMENTAR, MULTIPLICARSE |
| ***PRETIGI SIN*** | PREPARARSE |
| ***RAJDI*** | CABALGAR |
| ***REDIRI*** | DECIR DE NUEVO |
| ***ŜAFO*** | CARNERO |
| ***SEKVI*** | SEGUIR |
| ***SENCO*** | SENTIDO (ACEPCIÓN) |
| ***SENSO (SENTUMO)*** | SENTIDO (FACULTAD) |
| ***SENTAŬGULO*** | UN INÚTIL, UN INEPTO |
| ***SERIOZA*** | SERIO |
| ***SOIFI*** | TENER SED |
| ***STULTA*** | ESTÚPIDO, ESTULTO |
| ***SURDA*** | SORDO |
| ***SUSPEKTI*** | SOSPECHAR |
| ***TAŬGI*** | SERVIR, SER APTO |
| ***TIMIGA*** | ATEMORIZADOR |
| ***TIRI*** | TIRAR, HACER TRACCIÓN |
| ***TONDRO*** | TRUENO |
| ***VERŜAJNA*** | VEROSÍMIL |
| ***VERŜAJNE*** | AL PARECER |

# LA INSTRUISTO PAROLAS

**-UM** Este sufijo no tiene sentido propio, y se usa para derivar palabras cuya relación con la raíz es imprecisa y no puede expresarse con otro afijo. Las palabras terminadas en -*um* deben aprenderse como palabras-raices.

*Amindumi* - cortejar, *cerbumi* (*cerbo* - cerebro) - cavilar, *foliumi* - hojear, *gustumi* - degustar, *kolumo* - cuello (de camisa o blusa), *krucumi* - crucificar, *proksimume* - aproximadamente, *k.t.p.*

**EKS** - indica que fue, ex: *eksministro* - exministro, *eksigi* - destituir (convertir a alguien en "ex"), *eksiĝi* - dimitir (hacerse "ex").

**MIS** - señala lo erróneo, lo inconveniente: *miskompreni* - comprender mal, *misedziĝo* - casamiento equivocado, inconveniente.

-**END** este sufijo significa que debe ser: *farenda tasko* - tarea que debe ser hecha, *riparenda vojo* - un camino que debe ser reparado, *sekvenda ekzemplo* - ejemplo que debe seguirse.

**EĈ**, aún, hasta, mismo: *eĉ sur la suno troviĝas makuloj* - hasta en el sol se encuentran manchas. *Mi estis tiel okupita, ke mi eĉ ne manĝis* - yo estaba tan ocupado que ni siquiera comí. *Eĉ ne* - ni aún, ni siquiera. *Eĉ infano faras tion* - hasta un niño lo hace.

**K.S.** Abreviatura de *kaj similaj* – y similares.

***Ĵusnaskita*** es recién nacido, recién dado a luz. *Naski* en Esperanto es verbo transitivo, significa dar a luz. Nacer es *naskiĝi. La bovino naskis bovidon* - la vaca tuvo un ternero. *Mi naskiĝis en Ameriko* - yo nací en América.

***Fulmotondro*** es tormenta eléctrica, aunque también se emplea como interjección: ¡rayos!

# LECCIÓN COMPLEMENTARIA




**LA TERMINACIÓN N** tiene tres empleos distintos:

1. **Señala el complemento directo del verbo transitivo.**

   Ĝi montras la retan komplementon de transitiva verbo. **Petro batas Paŭlon.**



2. **Señala el fin de un movimiento.**

   Ĝi montras la celon de movo. **Iru tien. Li falis teren.** Después de preposición que indica movimiento(al, ĝis) no irá **n.**

3. **Reemplaza una preposición.**

   Ĝi anstataŭas prepozicion. **Li laboris du horojn (= dum du horojn). Petro alvenis ĵaŭdon (= je ĵaŭdo). La domo estas 30 metroj larĝa (= je 30 metroj larĝa).**




Siempre que la claridad no se vea afectada, podrá reemplazarse una preposición por la n final. Después de preposición no va acusativo.

En estos ejemplos están empleados los tres oficios de la terminación n:

**Petro iris en la ĉambron, malfermis la fenestron kaj kvin minutojn li rigardis.**

**Petro ĵetis la ŝtonon kontraŭ la pordon kaj malproksimiĝis kelkajn metrojn.**

**EL ARTÍCULO.** El objeto del artículo es aclarar el sentido de la oración, impidiendo que se confunda la cosa a que nos referimos con otra semejante. Por lo tanto, podemos dejar de usar esta palabra cuando no aclara una idea. Será pues correcto decir: **Leono estas besto. Rozo estas floro. Lakto estas pli nutra ol vino.**

En español decimos "vive en el Perú", "vive en Chile"; en Esperanto: **Li loĝas en Peruo, li loĝas en Ĉilo.** No se usará pues, el artículo delante de nombre propio - que no necesita determinación.

Cuando un nombre propio va precedido de un título, como **sinjoro, doktoro, generalo.** No lleva artículo: **Profesoro Martínez estas malsana. D-ro Zamenhof estis kuracisto.**

**CI.** En Esperanto, como en inglés, no existe prácticamente el tuteo. No obstante, si se siente la absoluta necesidad de esta forma íntima, se puede emplear el pronombre **ci**: tú: **Mi cin amas** - Yo te amo.

**PRONOMBRE REFLEXIVO**. Al emplear el reflexivo **sia**, recuerde que:

a. el adjetivo **sia** nunca va delante del sujeto:

b. **sia** precede al objeto (complemento) poseído por el sujeto:

Juan (sujeto) juega con su perro (perteneciente al sujeto). **Johano ludas kun sia hundo**. Juan (sujeto) y su perro (sujeto) juegan. **Johano kaj lia hundo ludas**.

Compárense los siguientes ejemplos: **La sinjoro ordonis al sia servisto vesti lin** - El señor ordenó a su sirviente vestirlo (que lo vistiera). **La sinjoro ordonis al sia servisto vesti sin** - El señor ordenó a su sirviente vestirse (que se vistiera).

En Esperanto, como en castellano, las palabras **iu, tiu, ĉiu, kiu, neniu** - alguien, ese, quien, etc.- pertenecen gramaticalmente a la tercera persona, aunque se refieran a la primera o segunda: **Ĉiu el ni ricevos sian porcion** - cada uno de nosotros recibirá su porción. **Neniu el vi evitos sian sorton** - ninguno de vosotros evitará su suerte (destino**). Tiu el vi, kiu opinias sin kapabla** - aquel de vosotros que se considere capaz.

El sujeto no puede ser explícito: **Esti en sia elemento** - estar en su elemento. **Timi sian propran ombron** - temer su propia sombra.

**ORACIÓN DIRECTA**. Si alguien nos dijo ayer "yo iré mañana" y nosotros lo repetimos, podremos escoger entre la forma directa: "él me dijo: yo iré mañana", y la forma indirecta: "él dijo que iría mañana". Ejemplos de la forma directa e indirecta enn Esperanto:

| | |
|---|---|
| Él dijo: "iré mañana". | **Li diris: "Mi iros morgaŭ".** |
| Él dijo que iría mañana. | **Li diris ke li iros morgaŭ**. |
| Él dijo: "yo soy brasileño". | **Li diris: "mi estas brazilano"**. |
| Él dijo que él era brasileño. | **Li diris ke li estas brazilano**. |

**-UJO** da la idea general de continente, de recipiente. De ahí las formas **supujo** (que contiene sopa), **pomujo** (que contiene manzanas), **Italujo** (que contiene italianos). Por consiguiente la palabra **kafujo** podría significar: caja para café, cafetera, planta de café o país del café. Pero, recordemos que en todos los idiomas las palabras reciben su significado exacto por el contexto. No obstante eso, podremos siempre en Esperanto contar con recursos para construir la palabra precisa que nos haga falta. Así tendremos: **kafskatolo** - caja para café. **Kafkruĉo** - vasija para café, cafetera, **kafarbo** - árbol de café, cafetero, y **kaflando** - país del café.

**LOS NOMBRES DE LOS PAÍSES** del antiguo continente se forman agregando el sufijo **uj** o la palabra **lando** al nombre del pueblo que le dio origen: **Germano, Germanujo** (= país de los germanos): **Dano, Danujo** (= país de los daneses).

En el nuevo continente, por el contrario, el habitante recibe el nombre del país que lo habita: **Peruo, peruano**; **Brazilo, brazilano**.

Pero también encontraremos en nuestras lecturas, la terminación **io** para formar nombres de países: **Italio, Francio, Rusio. Meksikanoj loĝas en Meksiko. Francoj loĝas en Francujo, Franclando aŭ Francio**.

**ADJETIVO ATRIBUTIVO**. Compare estas dos frases: "Juan encontró a su bella novia" y "Juan encontró bella a su novia". En el primer caso, la cualidad "bella" es permanente en la novia, y lo es para todo el mundo; en el segundo, Juan encuentra que su novia es bella, le atribuye esa cualidad, aunque quizá no la posea. El Esperanto distingue la cualidad permanente (epíteto) de la circunstancial (atributo) de este modo:

**Johano trovis sian belan fianĉinon.**

**Johano trovis sian fianĉinon bela.**

Note que en el segundo caso, **bela** va sin -**n** final.

**Mi vidis la fermitan pordon** - Vi la puerta cerrada (no la abierta).

**Mi vidis la pordon fermita** - Vi (que) la puerta (estaba) cerrada.

Que también puede decirse: **Mi vidis ke la pordo estis fermita.**

**QUE**. Cuando "que" puede reemplazarse por el, la, lo, los, las cuales (pronombre relativo) se traduce por **kiu, kiuj**, según los casos.

Los libros que (los cuales) ves sobre la mesa son del señor que (el cual) está de pié.

**La libroj, kiujn vi vidas sur la tablo estas de la sinjoro, kiu staras.**

Recuérdese, además, que "que", cuando es pronombre relativo va detrás del nombre que reemplaza, en tanto que "que" conjunción sigue generalmente al verbo.

**Mi vidas, ke la libroj, kiujn vi aĉetis estas interesaj.**

Veo que los libros que (los cuales) usted compró son interesantes.

Cuando "que" reemplaza a "qué cosa" se pone **kio**.

¿Qué (cosa) haces? - **Kion vi faras?**

¿De qué (cosa) se trata? - **Pri kio temas?**

Si "que" significa cuán, cuánto, en frases admirativas, se traduce por **kia**.

¡Qué (cuánto) calor! - **Kia varmo!**

¡Qué (cuán) hermoso día! - **Kia bela tago!**

El "que" de más que, menos que, es **ol**: **pli ol, malpli ol**.

Y en los demás casos (conjunción), "que" se traduce por **ke**:

**Mi deziras, ke vi lernu** - Deseo que aprendas.

**Mi kredas, ke li venos** - Creo que él vendrá.

**Oni diras, ke...** - Se dice que...

**Mi laboras por ke li ripozu** - Trabajo para que él repose.

**PARTICIPIO ADVERBIO**. "Vi a Pedro caminando por la calle" puede significar: "yo, caminando por la calle, vi a Pedro", o bien "yo vi a Pedro que caminaba por la calle".

En Esperanto diremos en el primer caso: **Marŝante sur la strato mi vidis Petron** y, en el segundo: **Mi vidis Petron marŝanta sur la strato**. En el primer caso empleamos el participio adverbial porque deseamos indicar cómo el sujeto hace algo (¿cómo? - caminando = cuando el sujeto caminaba).

Se usa, pues, el participio adverbial (activo o pasivo y en cualquiera de los 3 tiempos) cuando éste se refiere al sujeto de la proposición, en los demás casos, conservará su forma adjetiva.

**DE** es la preposición más usada en Esperanto y en español. Damos aquí algunos ejemplos en que su uso difiere en las dos lenguas. En Esperanto el uso de **de** es más preciso que en español:

| | |
|---|---|
| Una taza de té | ***Taso da teo*** |
| Una taza de porcelana | ***Taso el porcelano*** |
| Una taza de María | ***Taso de Maria*** |
| Una mesa hecha de pino | ***Tablo farita el pino*** |
| Una mesa hecha por Juan | ***Tablo farita de Johano*** |
| El primero de todos | ***La unua el ĉiuj*** |
| ¿de qué se trata? | ***Pri kio temas?*** |
| Se trata de lo siguiente | ***Temas pri la jeno*** |
| Cubrir de flores | ***Kovri per floroj*** |
| Estatua de bronce | ***Bronza statuo*** |
| A partir de mañana | ***Ekde morgaŭ*** |
| La ciudad de Rosario | ***Urbo Rosario*** |
| Máquina de vapor | ***Vapormaŝino*** |
| Enfermedad del corazón | ***Kormalsano*** |
| Pasar de largo | ***Preterpasi*** |
| Dejar de lado | ***Flankenlasi*** |
| De parte mía | ***Je mia flanko, miaflanke*** |
| Acaba de partir | ***Li ĵus foriris*** |

**TENER** se traduce **teni**, pero sólo en el sentido de asir.

**Mi tenas libron en la mano** - Yo tengo (asgo) un libro en la mano.

**Mi havas multajn librojn** - Yo tengo (poseo) muchos libros.

Y en castellano "tenemos" que ir, que hacer (debemos ir, hacer, etc.)

Mi devas iri, fari, ktp.

| | |
|---|---|
| Tengo algo que hacer | ***Mi havas ion por fari*** |
| No tengo nada | ***Mi havas nenion*** |
| Tengo hambre | ***Mi estas malsata, mi malsatas*** |

